# Boletín

**BULTENO DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO**

**Aperanta de 1949**



Ĉefredaktoro: Miguel Gutiérrez Adúriz; Los Coteros 1-C, 2-I; ES-39600 Muriedas; Cantabria; liven@nexo.es


*Noto: Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la respektivaj aŭtoroj. La redaktisto rajtas rifuzi ne petitajn artikolojn.*


## Hispana Esperanto-Federacio

**Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7;**
**ES-28015 Madrid;**
**Tel.+faksilo: +34.(9)1.446.80.79**
**Konto ĉe BBVA (Caja Postal):**
**0182-2552-61-0204011.961**
**admin@esperanto-es.org**
**www.esperanto-es.org**




## Enhavo

# Estrarkunsido



La HEF-Estraro kunsidis en la centra oficejo en Madrido la dimanĉon, 22an de oktobro de la 10a matene. Partoprenis Miguel Ángel Sancho, Marcos Cruz, Pedro Garrote, Manuel Parra, Miguel Gutiérrez, la konsilantino Ana Manero kaj la kunlaborantoj Tomás Ortiz kaj Manuel Pancorbo. Salutojn kaj ekskuzojn prezentis J.M. Galofré, L. Hernández kaj A. Casquero.

Pritraktitaj aferoj:

1.— Oni aprobas la antaŭan protokolon, de la 29a de aprilo (Boletín-346). Pri ties enhavo, ni konstatas ke la 3a punkto estas plenumita kaj la 4a punkto (reeldono de la lernolibro de De Diego fare de Madrida E-Liceo) ŝajne plenumiĝos post 3 aŭ 4 monatoj.

2.— Uzado de simboloj en la hispanaj kongresoj. Pluraj samideanoj prave manifestis sian plendon pro la manko de flago aŭ ia esperanta simbolo en nia lasta kongreso. La estraro difinos la ĝustan uzon de simboloj en la kongresoj de HEF; tio aperu klare prezentita en la preparata regularo pri kongresoj.

3.— Interreta paĝaro. Decembre finiĝos nia kontrakto kun la kompanio Nil-Dipisa, kaj de nun ni uzos la servojn de la kompanio Spin-Media. Tiel la nura elspezo estos la luado de la nomo "esperanto-es.org", ne pli ol dek mil pesetoj jare. Pri la funkciado de la paĝaro, videblas kelkaj teknikaj problemetoj, ŝajne provizoraj. Pri plibonigo de la enhavo kaj daŭra aktualigo, baldaŭ kunvenos M. A. Sancho, M. Cruz, M. Pancorbo, Rubén García kaj aliaj. Unu el la enhavaj novaĵoj estos la Projekto Literaturo: meti esperantan version de poemo aŭ proza peco de kiel eble plej multe da hispanaj verkistoj. Okupiĝos M. Gutiérrez.

4.— HEF jam komencis pripensi kiel festi la 25-jariĝon de la esperanta eldono de "Don Quijote".

5.— Kiel sciate, la fondaĵo Ameriko de UEA kaj Miguel Gutiérrez nome de HEF, venis al interkonsento sendi al hispanlingva Ameriko mil ekzemplerojn de la lernolibro "Esperanto" je tre rabatita prezo. La E-Asocio de Venezuelo jam pagis por 200 ekz.; tiujn ni sendos rekte el Madrido, se Pancorbo trovos senpagan manieron.

6.— En la jaro 2002 Eŭropa Esperanto-Unio kongresos en Verono, Italio. Laŭ la peto de ĝia prezidanto, s-ro Broccatelli, nun HEF decidas oficiale apogi tiun aranĝon kaj peri la aliĝon de hispanoj partoprenontaj ĝin. Alia peto estis, ke la landaj asocioj rezignu je propra kongreso en tiu jaro kaj kongresu kune en Verono; pri tio ĉi decidu la ĝenerala asembleo junie en San Javier.

7.— Financoj. Por la jaro 2000 antaŭvideblas deficito de 120.000 ESP. Sed rezultus profito se oni ne enkalkulus la amortizon de la domo, la meblaro kaj aparataro, kio signifas 290.000 ESP. Buĝeton por 2001 ni aprobos en venonta kunsido.

8.— La 60a Hispana E-Kongreso okazos en San Javier (Murcia) de vendredo 22a ĝis sabato 30a de junio 2001. Por loĝado, ĉiu aliĝinto ricevos kompletan liston de hoteloj, kaj devos mem fari sian rezervon. Estos du kongresejoj, la unuaj tri tagoj en San Javier kaj la postaj en Santiago de la Ribera. La kongresan libron kaj ceterajn farotajn presaĵojn revizios M.A. Sancho kaj M. Cruz antaŭ presado.

9.— Partopreno en Expolingua-2001. Ĝi okazos en alia pavilono, pli granda ol la antaŭa. HEF jam pagis parton de la kosto de la stando, kiu ankaŭ estos pli granda ol lastfoje. Ni repetos subvenciojn (Fundación Soler, Fundación Esperanto, Ministerio de Cultura), kaj anoncis sian patronadon la entrepreno Inaltel.

La prezidanto, Miguel Ángel Sancho

*La sekretario, Manolo Parra*




Kiel informite en la pasinta *Boletín*, ĉi-jare la Fondaĵo Esperanto kunvokas konkurson de ideoj kaj ankaŭ proponas subvenciojn por helpi la disvastigon de la internacia lingvo ĉe foiro aŭ ekspozicio kaj la organizadon de E-kursoj en hispanaj universitatoj. Jen la regularo de tiuj konkurso kaj subvenci-proponoj.

## Konkurso de ideoj

La Patronaro de la Fondaĵo Esperanto kunvokas konkurson de ideoj celantaj faciligi la disvastigon de la internacia lingvo Esperanto en Hispanio, ĉu naci-nivele ĉu lok-nivele, kies regularo estas jena:

1) Oni premios la du plej bonajn eseojn pri modernigo de nialandaj E-Societoj pritraktanta minimume: internajn aferojn, propagandon, didaktajn sistemojn, ekonomiajn rimedojn, urbajn, naciajn kaj internaciajn rilatojn kaj aliajn proponojn kiuj eventuale aplikotaj en nia agadplano povas kontribui al la modernigo kaj plej

### La kovrilo

Luis Hernández, estrarano kaj respondeculo de la Libroservo, dum vizito en la Centra Oficejo de HEF.

bona disvolviĝo de Esperanto en la Grupoj kaj ĝenerale en la hispana E-movado.

2) La eseo konsistos el minimume ok paĝoj, 4A-formataj, tajpitaj nur unuflanke.

3) En la eseo la aŭtoro prezentos la projekton pritraktanta la ideojn, eventualan realigadon, necesajn rimedojn kaj pozitivan celon de la proponoj, aplikeblaj de la Grupoj por la disvastigo kaj instruado de Esperanto.

4) La aŭtoro prezentos sian eseon en Esperanto aŭ en la hispana lingvo.

5) La limdato por la prezentado de la eseoj estas la 30a de decembro 2000.

6) La aŭtoro prezentos sian eseon sub pseŭdonimo, kaj ankaŭ kunsendos fermitan koverton enhavanta la nomon kaj adreson de la partoprenanto.

7) Oni aljuĝos du premiojn de 50.000 ptoj.

8) La eseojn oni sendos al unu el la adresoj sube aperantaj.

9) La juĝantaro konsistos el tri personoj kies nomojn oni diskonigos kune kun la verdikto. La juĝantaro aŭ la Patronaro de la Fondaĵo povos deklari ne-asignata unu aŭ ambaŭ premiojn.

10) La partopreno en ĉi tiu konkurso de ideoj signifas la plenan akcepton de ĉi tiu regularo.

**Atentu!**

Por subteni la agadon de Fundación Esperanto sendu vian kontribuon al: IberCaja, kontonumero 2085-0101-13-286247-62 aŭ La Caixa, 2100-2149-31-0100165085

## Subvencio pro partopreno en ferioj aŭ ekspozicioj

En sia agadprogramo por la jaro 2000, la Fondaĵo Esperanto proponas mon-subvencion al tiuj hispanaj E-grupoj, aŭ asocioj, kiuj partoprenis en la kuranta jaro 2000 en Foiroj aŭ Ekspozicioj kun la celo informi al la publiko pri la internacia lingvo.

La grupoj aŭ asocioj devos sendi sian peton minimume kun jena enhavo:

* nomo de la foiro aŭ ekspozicio kie partoprenis la E-grupo aŭ asocio kaj dato kiam okazis tiu foiro.

* Konkretaj agoj plenumitaj de la E-grupo aŭ asocio dum la foiro aŭ ekspozicio.

* Elspezoj de la E-grupo pro la ĉeesto en la foiro aŭ ekspozicio kaj konkretaj, eĉ proksimume, pagoj realigitaj.

La peton, nome de la grupo aŭ asocio, oni devos sendi al unu el la adresoj sube aperantaj. La limdato de prezentado estas la 30a de decembro 2000. La Fondaĵo dediĉos al ĉi tiu agado entute 100.000 ptojn.

## Subvencioj por E-grupoj kiuj organizis kurson en hispana universitato en la jaro 2.000

Kie plia ero de sia agado por la jaro 2000, la Fondaĵo Esperanto proponas mon-subvencion al la hispanaj E-grupoj aŭ asocioj kiuj organizas/is, en la kuranta

jaro 2000, kurson de Esperanto en la Universitato.

La grupoj aŭ asocioj devos sendi sian peton kun minimume jena enhavo:

* Universitato kie oni organizas/is la kurson.

* Akademia valoro de la kurso (t.e. kreditoj) kaj nombro da gelernantoj kiuj ĉeestas/is la kurson kaj finis ĝin sukcese.

La peton, nome de la grupo aŭ asocio, oni devos sendi al unu el la adresoj sube aperantaj. La Fondaĵo dediĉos al ĉi tiu agado entute 150.000 ptojn.

Lorenzo Noguero

Fine, jen kelkaj informoj pri la administra vivo de la Fondaĵo.

* Unue: sur pasinta numero de Boletín ne aperis ĝuste la nomo de unu el la Patronoj de la Fondaĵo, kvankam tiu misinformo estis rapide kaj lerte korektita de la redaktoro de nia revuo. Do, por informi plej ĝuste pri tio, kiuj estas la Patronoj de la Fondaĵo, jen iliaj nomoj kaj respondecoj:

Patrono-Prezidanto:

S-ro Miguel Ángel Sancho Pardo.

Patronoj "pro-meritoj":

S-ro Victor Ortiz Gratal, delegito de la Prezidanto.

S-ro Enrique Piquero Vazquez, financaj aferoj.

S-ro Antonio Marco Botella, administraj aferoj.

Patronoj: S-ro Lorenzo Noguero Sarasa, sekretario.

S-ino M. Rafaela Urueña Álvarez.

S-ro José María Rodriguez Hernández, direktoro.

* Due: unu el la decidoj de la Patronaro de la Fondaĵo Esperanto, ene de sia agadoj de la jaro 1999, estis asigni al la Kordova E-Asocio subvencion de 80.000 ptoj por okazigi, kunlabore kun la surdmutula asocio ACOILSE, kurson de Esperanto en Kordovo. La kurso finfine okazas en tiu andaluza urbo, tamen la grupo rifuzis la subvencion, antaŭe petita, ĉar la partoprenantoj en la kurso devas pagi aliĝkotizon de 3.000 ptoj. La Kordova E-Asocio decidis ke estas sensencaĵo ricevi subvencion por organizi kurson kaj samtempe peti aliĝ-kotizon al la gelernantoj. Kompreneble, la Kordova E-Asocio dankegis al la Fondaĵo Esperanto pro ĝia preteco helpi la okazigon de la kurso.

* Trie, pro misfunkciado de la ret-adresoj "@esperanto.nu" la kontakt-adreso de la Fondaĵo Esperanto <fundacion@esperanto.nu> ne funkcias nuntempe. Do, por eblaj interretaj kontaktoj, bv. uzi la jenan: <joser@lander.es>

*José María Rodríguez Hernández*

*Patrono-Direktoro*

Adresoj: a) Fundación Esperanto; c/ Cadena 20/22 1 izq; E-50001 Zaragoza. // b) José María Rodríguez Hernández; Apartado de Correos 3142; E-14080 Córdoba.



# Niaj Grupoj kaj Asocioj

## Andaluzio

* La 14an de oktobro okazis en la urbo Malago la Ĝeneralan Kunsidon de AEU (Andaluzia Esperanto-Unuiĝo). Jen ĝiaj plej gravaj temoj:

Oni elstarigis la agadon de kelkaj membroj rilate al la organizado de kursoj. Oni gratulis s-ron Alejandro Iglesias pro sia bonega laboro en la disvastigo de la E-instruado inter la blinduloj; al Jose M. Rodríguez kiu ekorganizis kunlabore kun la ne-esperantista Fondaĵo *Sin Barreras a la Comunicación* elementan kurson en Kordovo. Same oni sciigis ke venontjare oni ekinstruos Esperanton en Malago danke al la agado de Eduardo Vargas.

Ĉi jare oni plu vendos kristnaskan loterion kaj ĉemizojn por atingi pli da mono por la asocio.

La programo por disdoni lernolibrojn al ĉiuj andaluzaj bibliotekoj daŭras. Ĝis oktobro 2000 ni dissendis la libron de M. Gutiérrez Adúriz al 20 bibliotekoj de la provinco Granado. Fine de la kuranta jaro, kaj dum la venonta 2001, la libro iros al la bibliotekoj de la provincoj Sevilo kaj Hŭelvo.

AEU daŭre eldonos siajn revuojn, t.e. Monate Ĉe vi, (hispanlingve) kaj Gazeto Andaluzia (esperante).

AEU studis la eblecojn aliĝi al la Pakto pri Esperanta Civito. Tamen, la ĝenerala asembleo de nia asocio decidis prokrasti la decidon.

Oni decidis daŭre kunlabori kun German Pirlot, kun la celo informi pri Esperanto al la hispanaj eŭro-parlamentanoj.

Ĉe "Proponoj kaj Petoj", oni akceptis la proponon de J.M. Rodríguez ke la estraro de la asocio lanĉu kampanjon por pliigi la nombron da delegitoj de UEA en Andaluzio.

Oni kunvokas Eksterordinaran Ĝeneralan Kunsidon por la venonta 15a de decembro sub jena tag-ordo: 1) Legado kaj aprobo, se eble, de la akto de la antaŭa kunveno. 2) Elekto de nova estraro de la asocio. 3) Demandoj kaj petoj.

* Juna germano Janek BENDER vojaĝis en septembro tra Hispanio kaj Portugalio. En Kordovo li kontaktis la UEA-Delegiton, Jose Maria Rodriguez. Estis bona ŝanco por denove montri la taŭgecon de nia internacia lingvo por faciligi vojaĝojn, turismajn vizitojn kaj personajn kontaktojn. La vojaĝo finiĝis en la urboj Hŭelvo, kie li restis ĉe Pastport-Servano, kun reveno al Jerezo por aviadili al Germanio.

* La 9an de oktobro komenciĝis en Kordovo elementa kurso organizita de la Fondaĵo *Sin Barreras a la Comunicación*, kun la kunlaboro de AEU. La Fondaĵo agadas ĉefe por solvi la ĉiutagajn problemojn de la surduloj, tamen, laŭ la

vortoj de la Prezidanto de la Fondaĵo "ni ankaŭ celas malaperigi aliajn barilojn kiuj malhelpas la komunikadon inter la homoj".

La kurso daŭras de oktobro ĝis decembro, lunde kaj marde ekde la 19:00 horo ĉe Publika Lernejo. Pli ol 15 personoj ofte ĉeestas la kurson, inter ili troviĝas universitata profesoro, geinstruistoj, profesoro pri la germana lingvo, kuracistino, oficistino, gimnazianino kaj kelkaj studentoj de la filologia kariero. Por ĉeesti la kurson oni devis pagi 3.000 Ptojn. Kontraŭ tiu sumo la Fondaĵo donis al ĉiu lernanto jenan lernomaterialon: libro, vortaro, kajero. La lernolibro uzata dum la kurso estas tiu de M.G. Adúriz.

Menciindas la fakto ke por la okazigo de la kurso la esperantistaro devis antaŭ-plenumi nenion. Tio estas la profesoro, Jose Maria Rodriguez, devis nek propagandi nek informi la interesitojn, nek serĉi la instruejon, nek ricevi la aliĝilojn, ĉar pri ĉio ĉi okupiĝis la Fondaĵo mem. La E-instruisto devis nur instrui.

* Astronomian lernolibron de la kordova samideano, David Galadí-Enríquez, kies kun-aŭtoro estas la israela prof. Amri Wandel, kuneldonos Flandra Esperanto-Ligo kaj Fondaĵo Esperanto. La verko aperos komence de 2001. La titolo estos "La universo kaj ni: steloj, planedoj kaj vivo en la kosmo".

*José María Rodríguez*

* En la Reto troveblas la 62a numero de Gazeto Andaluzia. Ĉi foje ĝi aperas lau la sama formato de "La Ondo de Esperanto", t.e. en unu sola HTML longa paĝo tre facile legebla (per latin-3 kodo). http://www.ciudadfutura.com/esperanto/gazeto/gazeto62.htm

*Darío Rodréguez*

# Asturio

* Aperis la 76a numero de Heleco, organo de Astura E-Asocio, kun 54 densaj paĝoj (Gratulon!). La enhavo estas vere riĉa kun aparta pritrakto de la loka agado kaj de la lastaj kongresoj (hispana kaj universala). ĉiu artikolo aperas kastili- kaj esperantligve. Aparte elstaras longa intervjuo al s-ano Faustino Castaño, kiu prezentas siajn impresojn pri la lasta hispana kongreso, kun forta plendo pro la manko de flago, la manko de aparta kotizo por pensiuloj kaj senlaboruloj, kaj la manko de katolika diservo.

*Miguel Gutiérrez*




* Cesáreo García, prezidanto de la E-Grupo de Avilés, Antaŭen, prezentis en la kulturdomo de la urbo la kurson por la lerno-jaro 2000-2001 la trian de oktobro en kvoloko organizita de *La nueva España*. La eventon oni antaŭanoncis en la

loka ĵurnalo, kiu ankaŭ dediĉis artikolon kun foto al la prezento. Sur la supra foto aperas Cisinio Rabanero, José Martinez (moderanto) kaj Cesáreo García. La asocio kunvenas ĉiulunde.

* Laŭ la ĵurnalo *La Nueva España* "la Urba Konsilantaro de Avilés promesas doni la nomon Espranto al promenejon de parko".

*M. Luisa Menéndez*

# Eŭskio

* La sabaton 16an de decembro, kiel tradicie, ni kuniĝos ĉe la Grupejo ĉirkaŭ tablo plenplena de la manĝaĵoj alportitaj de la ĉeestantoj, por celebri la Z-tagon. Al mallonga prelego sekvos diskutrondo en Esperanto. Vizitantoj estos bonvenaj.

* Ĉijare ne eblis organizi elementan kurson en nia Grupejo pro manko de gelernantoj.

* Ĉi-jare ni ludas la loteri-numeron 46.421. Mendu!

* Al la elektebla studobjekto *Lenguas planificadas: Esperanto*, kiun klarigos Miguel Gutierrez Aduriz kaj Jesus-Miguel Garcia Iturrioz en la Vaska Universitato jam aliĝis 25 gelernantoj (el kiuj, 21 knabinoj) antaŭ ol la fermo de la enskribiĝ-periodo. Ĉiuj ofertitaj postenoj do estas asignitaj.

*J. M. García Iturrioz*

* Reage al la intereso montrita pri la Eŭska lingvo, Dominik Cornice pliampleksigis la esperantan-eŭskan parton de sia reta vortaro ĉe: http://esperanto.online.fr". Rubriko: Hiztegia/Vortaro.

# Kastilio-Leono

* La 193a numero de la cirkulero de la grupo Fido kaj Espero informas ke de la 19a de oktobro la membroj denove kunvenas en *Centro Civico El Campillo* ĉiuĵaŭde ekde la 8:15 vespere.

# Katalunio

* Kurso de Esperanto 2000, organizita de KAE en la Aŭtonoma Universitato de Barcelona (Bellaterra) kaj destinita al la universitataj studentoj, komenciĝis la 17an de oktobro. Ĝin gvidas s-ro Martí Guerrero i Cots. Ĝi daŭros tri monatojn kaj partoprenas 26 gelernantoj, kiuj fine de la kurso ricevos tri kreditojn.

*J. M. Galofré*

* E-grupo Aŭroro de La Formiga proponas loteribiletojn. Numero: 25.485. Prezo: 250 ptoj el kiuj oni vetludas 200.

*Karles*

* KAE proponas partoprenon en loterio. Numero 26.973. Ĉiu bileto kostas 300 (oni ludas per 250).

* Parola kurso gvidata de Ramón Manao komenciĝis la 16an de oktobro en "Centre Civic de la Creu Alta".

* Aperis la 32a numero (2a epoko) de la KAE-bulteno.

* E-Babilado (00.11.19.11) en kultura centro *Frederic Mompou* de *Castelldefels*. Temo: Kion signifas por vi la estonteco?

# Murcio

* La venontan februaron komenciĝos la kurso *Esperanto como propedéutica de las lenguas modernas* en la *CPR* numero 1 de Murcio. La lernantoj estos instruistoj.

*Jesuo de las Heras*

* Ĵus aperis en la reto la 48a numero de Kajeroj el la Sudo, novembra speciala numero kun rimarkinda artikolo de Jakvo Schram, sekretario de Sennacieca Asocio Tutmonda (SAT): http://esperanto.dragonfire.net/kajeroj.htm

# Atentu!

* Probable, dum la mallonga periodo necesa por la translokigo de nia retpaĝaro, ĝi ne funkcios . Tamen, oni povas ĝin atingi ĉiam per jena provizora adreso: http://195.61.19.60

* Memoru ke pro teknikaj kaŭzoj la konto de HEF ĉe BBVA (Caja Postal) ŝanĝiĝis. Nun ĝi estas: 0182-2552-61-0204011.961

# Tutlande

* En la lastaj monatoj duobliĝis la nombro de konsultoj de la HEF-paĝoj en Interreto.

* Provinte la novan interretan serĉilon de ĵurnalo "El Mundo" (Ariadn@ per sistemo Google) per la vorto "esperanto" Ĝi proponis al mi 1.560.000 ret-paĝarojn! Nekredeble, ĉu ne!

Inter la dek unuaj, aperas unualoke la "Esperanto-Multlingva Inform-Centro" (www.esperanto.net). Provu vi mem: la adreso estas: http://www.elmundo.es (la serĉilo aperas supre maldekstre).

Pola Radio recenzis en sia kutima programo "Trarigardo de la E-gazetaro" (00.11.14) la lastan numeron de Boletín. Oni legis la raporton pri Fondaĵo Esperanto, kaj la artikolon de Ana Manero.

*Dario Rodríguez*

* La tria eldono de *Nuevo Método de Esperanto* (F. de Diego) aperos komence de 2001. MEL represis ĝin kun korektoj, aktualigitaj datumoj kaj tre utila laŭtema indekso. La eldonisto estas Gram Ediciones S.L., kiu distribuos la verkon en la komerca reto dum MEL okupiĝos pri la E-merkato.

* La ret-paĝoj de Bankinter (www.km0.com) proponas, krom la normalaj servoj de banko, multajn aliajn distrajn kaj informajn servojn. Ĉe "lingvoj" oni trovas plurajn interesajn ligojn. Unu el ili al "Esperanto, la internacia lingvo"!

Per tiu vojo oni alvenas al "esperanto.net", kaj de tie oni havas aliron al informoj pri Esperanto en dekoj da lingvoj. Se oni klakas per la "muso" sur la hispana flago, oni tuj alvenos al la retpaĝoj de Hispana Esperanto-Federacio. Bele, ĉu ne?

*M. Zocato*

# 8a IESKT

94 gesamideanoj aliĝis al la 8a Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo, okazinta de la 30a de septembro ĝis la 7a de oktobro 2000 en Blanes. 38 partoprenantoj estis eksterlandanoj el 11 landoj, kio ja estas nova sukceso de ĉi tiu evento kun vere samideaneca etoso.

La hotelo, kiu estis moderna kaj kun manĝoservo farita de profesiaj kelneroj, metis je nia dispono belan salonon kie disvolviĝis ĉiuj programeroj.

La inaŭguro okazis dimanĉe, je 12a horo. Por la unua fojo en niaj "Semajnoj" ne ĉeestis la lokaj aŭtoritatoj en la inaŭguro, sed tuj ni devas aldoni, ke la sekvantan tagon, lundon je la oka vespere, ĉiuj partoprenantoj estis akceptataj de la vicurbestro de la municipo de Blanes, s-ro Antoni Fernández. Li afable salutis nin, diris kuraĝigajn vortojn, kaj deziris al ni plenan sukceson en nia tasko kaj celo. Fine ni estis malavare regalataj pere de kukaoj kaj ĉampano, kun la sugesto, ke ni petu al la magistrataro la nomigon de strato ĉu Esperanto ĉu Zamenhof en la urbo. La lokaj televizio kaj radio raportis pri la evento, kaj ankaŭ aperis artikolo en la grava urnalo "La Vanguardia", ankaŭ aliaj amaskomunikiloj informis pri la "Semajno".

La sabaton, post la vespermanĝo okazis la Internacia Vespero, kun abundaj kukaĵoj akompanataj de refreŝigaj trinkaĵoj. Ĝi malfermis la pordon por la estontaj distraj programeroj de la "Semajno".

La progamitaj ekskursoj bone efektiviĝis. Per duontaga ekskurso oni vizitis la lokan ĝardenon, nomatan "Mar i Mutra". bela loko ne nur pro siaj ezotikaj plantoj kaj floroj, sed pro la vidaĵo ekde tiu altano, vera balkono por komtempli la maron kaj la komenciĝon de la fama "Costa Brava" (=Klifa Marbordo). Estis tutataga ekskurso, al loko, kie antaŭ 17.000 jaroj erupciis ĝis 36 vulkanoj. Kvankam la diverskolora tero vomita de la vulkanoj ankaraŭ estas videbla, la tuta grundo estas arbe kovrita. Jes, la ekskurso komenciĝis kaj finiĝis pere de aŭtobuso, sed ankaŭ ni estis transportitaj pere de ĉaretoj trenataj de ĉevaloj, kaj kvazaŭ de trajno kiun movis kaŝita maŝino-traktoro. Nu, belega tago.

La alian duontagan ekskurson, ni dediĉis por iri al Tossa de Mar, marborda urbo, en plena "Costa Brava". La ekskurso okazis per ŝipo.

Rilate al la prelegoj, jam dimanĉe tuj post la inaŭguro prelegis samideano Julio Tarín el Valencio. Nu, pli ol prelegi li celis montri la artotradukon, pere de la verko de Gabriel Miró, kaj li legis parton de la verko, kiu rilatis al Bibliaj tempoj en Jeruzalemo.

La saman tagon, postagmeze s-ano A. Marco Botella prelegis pri la temo "La popolstilo en la poezio de Garcia Lorca". Li, kiu tiom majstras la poezion, regalis nin per vera analizado pri la verko de tiu fama hispana verkisto, krome li bone montris al ni la personecon de García Lorca.

La lundon, 2an de oktobro, nia senlaca samideano Giordano Moya, prelegis pri la



temo "Ĉe la sojlo de la tria jarmilo". Li skizis la vivon de la homaro ĝis la nuntempo kaj metis multajn demandojn pri la estonteco, en kiu li vidas Esperanton, kiel unu el la motoroj, kiuj kondukos la homaron al plej bona stadio de kunvivado.

La saman tagon, post la tagmanĝo, nia veteranino Gabriele Tréanton, raportis pri sia laboro en Bosnio, en urbo Gorazce, kie ŝi sen alia forto ol sia propra konvinko kapablis starigi Esperantajn radikojn. Ni ĉiuj gapis ĉe ŝi kaj ŝia dolĉa parolmaniero.

Martí Guerrero pri la temo "La Sciencio de la Ekonomio". Li lerte eksponis la diversajn periodojn de nia civilizacio en tiu grava temo de la ekonomio kaj ekonomiko, menciante la plej elstarajn homojn en tiu scienco kiel Adam Smith, Karlo Marks kaj aliajn. Li bone navigadis en tiu moderna maro de la kapitalo, la laboro, la investo, la interezoj kaj la plusvalio.

Milán Sudec, iama iniciatinto de la "Semajno", prezentis video-filmon pri Strio, regiono, kie nun li loĝas. Belaj bildoj, klarigitaj en plej bona Esperanto, plene kontentigis la spektantojn.

Jaŭde, s-ano Luis Serrano Pérez, prelegis pri la temo, "Ĉu ni ankoraŭ vivas en triba epoko"?. Ĝi montris, kiel en nia moderna vivo, ni ankoraŭ vivas en grupoj, por li triboj, sed adaptitaj al nunaj cirkonstancoj de moderneco, eble pli rafinitaj kaj sutilaj, sed fine en triboj. La vorto tribo ne sonis bone en la oreloj de iuj ĉeestantoj.

Denove nia samideano A. Marco Botella, regalis nin per alia juvelo, La poeto de la "intimismaj kolokvoj" kiu jam estis la vivo kaj verko de la hispana poeto Antonio Machado. Amiko Marco, sciigis nin pri la diversaj travivaĵoj de tiu poeto de la popolo, kiu, kvankam naskiĝinta en Sevilo, bone komprenis la kamparanan vivon en Kastilio ĝis sia morto, kiel rifuĝinto de la hispana intercivitana milito, en Francio.

Estis du debatoj, ĉiam post la vespermanĝo. Unu el ili temis pri "Kion vi atendas de la tria jarmilo?. Opinioj estis multaj kaj diversaj. Tamen unu el tiuj opinioj, estis ĝenerale akceptita: sed la homo daŭre malbonigas la naturon, sendube la planedo Tero estos tute alia. En tiu debato, oni pritraktis ankaŭ la estontecon de nia kara Esperanto, kun la konkludo, ke la nuno estas decidiga tempo por la ekzistado aŭ morto de nia kara lingvo.

La tikla temo de la debato "Kio pri la malsato", kondukis la ĉeestantojn al sakstrato. La vivo en Afriko, Latinameriko, la rolo de la eŭropeanoj dum la pasintaj jarcentoj. La monopoloj, la transnaciaj entreprenoj, la militoj. Nu, konkreta solvo ne aperis, kaj oni antaŭvidas nur ke, sen radikala ŝanĝo en niaj internaciaj rilatoj, la homaro aŭ parto el ĝi, multege suferos.

Vendrede estis alia debato, kiu tekstis, "Kion diri pri la Semajno", ŝajnis, ke ĉiu estis kontenta aŭ almenaŭ ne estis severaj kritikoj. Estis aplaŭdoj kaj ĉiu promesis reveni la venontan jaron.

Ĉiu debato kaj amuzigaj vesperoj daŭris ĝis noktmezo.

Aiaj distraoj estis "Dua Interkona Vespero", novao, kiun oni pensas enprogramigi en estontaj "Semajnoj". Sed specialan mnecion meritas la jaŭdan nokton, pro la kantado de "Habaneras" fare de ensemblo "Kvar ventoj", kiu vere entuziasmigis la ĉeestantaron. Krom tio oni devas aldoni la trinkadon de "cremat", fama trinkao kaj kutimo de Katalunio kaj kiu konsistas el rumo miksita kun sukero sed flamigita. Belega vespero, vi ne maltrafu ĝin kaj venu venontajare.



Ni ne povas forgesi, nek silenti la laboron de nia kara itala samideanino Carla de Lorenci, kiu kiel kutime ĉiam estis preta instrui Esperanton. Sed nunajare ŝia tasko estis grava, ĉar por la unua fojo, oni enprogramigis ILEI/UEA elemantajn ekzamenojn, kiuj lerte kaj serioze gvidis kaj kontrolis nia kara Carla de Lorenzi. Ni ŝin gratulas. Nu, enskribiĝis dekunu por la ekzamenoj, el ili nur sep sukcesis.

*Luis Serrano Pèrez*

# HEJS

## HEJS sendis spionon Azien

Kiam kapitano Trigo komisiis al mi la mision spioni la ĉijaran IJK-on en Honkongo, mi tute ne imagis, en kiom multe da danĝeroj li ĵetas min. Sed tio konstituas alian historion, alifoje raportindan.

Mia unua tasko estis renkonti tri kunvojaĝontojn en Germanio, por kaŝi la veran celon de mia partopreno: kontroli, ĉu vere Honkongo estas tiom for kiom ŝajnas laŭ la mondmapo de nia Centra Oficejo en Madrido (mapo fabrikita en Usono, kaj sekve suspektinda).

Jam ĥameleone —aŭ Mortadele— enkondukinte min inter miajn kunulojn, mi ekiris kun ili al Moskvo, la urbo de la oraj kupoloj sub ĉielo kiu gapas suben. Tie, la sekreta agentino de GEJ, Mirjam Walter, ankaŭ kamuflita, plenumis perfekte —damna!— sian mision forturni min de la mia. Tiel mi malkovris, kiom belas Moskvo al la enamiĝanta okulo.

En Moskvo ni renkontis multajn karavananojn (kelkaj certe ankaŭ spionis), kun kiuj ni daŭrigis nian vojaĝon, rekte al Tomsko. En tiu siberia urbo ni ĉeestis la Orient-Siberian Esperanto-Junularan Tendaron (OrSEJT), kiu, krom kulujo apud la rivero Ob, ankaŭ estis tre hejmeca etoso inter afablegaj rusoj kaj nesilenteblaj katalunoj, kiuj daŭre emis laŭtege kantaĉi plej revoluciemajn kantojn.

Post unu semajno en Tomsko, ni prenis trajnon al Irkutsk, por flugveturi de tie al ShenYang (Ĉinio). Dum tiu trajnado mi spertis la plej timigan, aventurecan kaj rakontindan anekdoton kiun mi iam ajn travivis. Sed la kapitano Trigo postulis koncizan raporton, kaj obee do mi cenzuras min.

Per Aeroflot ni alvenis en Shen-Yang, la urbo de la trafika ĥaoso, de kie ni senfine trajnadis al Pekino: tutan nokton en tutplena vagono SEN litoj. Finfine en Pekino, ni ĝuis konfortegan hotelon dum tri noktoj. Ni vizitis la Templon de la Ĉielo, la Malpermesitan Urbon kaj la Grandan Muron, kun la gvido de S-ro. Wang Ruixiang. Necesas diri, ke la ĉina parto de la vojaĝo estis la plej zorge kaj profesiece organizita.

Ni atingis Honkongon per luksa trajno (kompare al la aliaj). Honkongo estas la bruo. Kaj la bunteco, mikseco kaj pleneco de azia nov-jorko. Bonŝance, la kongresejo ne situis ĝuste en la urbego, sed en la proksima feri-vilaĝeto Pak Tam Chung. Estis facile konstatebla kaj antaŭvidebla, ke azia IJK ne estas homamasa aranĝo (nur 150 partoprenantoj), tamen la kvalito vere indis. Speciale spektinda aranĝo estis la Honkonga Vespero —ne tiom bona estis la Internacia Vespero—; kaj la komuna rostado ĉirkaŭ la fajro naskis memorindan amik-etoson. Inter la aliaj programeroj, elstaris —pro ilia atentokapteco— la

kursoj de la ĉina kaj la kantona lingvoj. Male, dum mia spionado, mi aŭdis kelkajn plendojn pri la kurso de ĉina kaligrafio, kiu simple konsistis en tio vidi, kiel la instruisto skribas tion, kion la lernanto petis —la lernanto mem ne spertis skribi—. Krome, la grupa ekskurso al la urbo estis tiom multe krompagenda, ke malmultaj el ni partoprenis.

Kiel konkludo de mia spionado, mi konstatas, ke Honkongo ne estas tiom for, kiom la usone farita mondmapo asertas: Ankaŭ en Honkongo oni parolas esperanton.

Kapitano Trigo, saluton kaj sub Viaj ordonoj,

*Agento Tricio* (Salamanko)

# KAFE

Okazado de bonegaj koncertoj, tetraĵoj, ktp. savis Festivalon, kiun karakterizis malbona organizo. Ni ĝuis la plej bonan renkontiĝon de esperanta muziko per la bonega laboro de nia kara Flo: Persone, Jomo, Dolcxamar, Ĵomart kaj Nataŝa, Solotronik, Kore, Kajto, Jacques Ivart...

Ĉi tio kaj la bona etoso inter la partoprenantoj (triono el ili katalunoj, kio faris ke ni krokodilis multe... hispane!) permesis "amortizi" la vojaĝon de la tri kuraĝaj memsenditaj HEJS-anoj (David, Ivan kaj mi mem). La unuan nokton ni ĝuis dormante amase sur la planko de malgrandeta ĉambro, kiun kunuzis kun ni Paco Belmonte por eviti nia dormado "substele", kvankam la anoj de Dolcxamar havis pli malbonan fortunon kaj dormis sur la kaheloj de la hotel-enirejo.


Ĉu vere ĉi ulo prezidas HEJS?

Gastronomie la Festivalo havis malabundan, multekostan, kaj tro mustardan manĝaĵon. Eĉ la vegetaranaj kuiraĵoj! David, kiel ĉiam, multe malsatis.

La unua batalo estis la rezistado antaŭ la partoprenitaj KEJ-anoj, nomiĝis kiel "la huliganoj" de la KAFE-istoj, sed post la komenca malfido antaŭ la madridanoj, ili amike "kapitulacis" ĉe la kunfratigaj "kalimoĉumadoj" de David, vere sperta pri tiu afero. Ankaŭ ĉeestis niaj eŭskaj amikoj, kiuj instruis nin pri la muzika arto de Ĉalaparto ("Txalaparta"), kion ni profitis por troŝargi sone la partoprenantojn. Ĉalaparton oni ludas batante lignajn bastonojn sur tabulojn.

Vere tiu ne estis la plej bona renkontiĝo kiun mi ĉeestis (certe ĝi estis la unua por mi), sed kiel ĉiam, ĝi plaĉis danke al la bona etoso inter la geesperantistoj.

*Félix M. Jiménez*

# HEJS estis en KEF!

Finfine, aro da junaj hispanoj denove partoprenas en internacia renkontiĝo. Post multaj jaroj malaperinta, la hispana junularo decidis ke vojaĝi al Finlando estus la plej bona maniero por ke la tuta Esperantujo konu ilin!

Do, kiam la somero alproksimiĝis, HEJS decidis, ke ilia sekvanta kunsido okazu en Helsinka lernejo. Iuj el ili vojaĝis trajne dum pli ol unu semajno antaŭe, tra tuta Eŭropo. Aliaj preferis flugi kaj poste trajni tra Skandinavio, sed ĉiuj uzis Pasportan Servon, ĝuis, kaj krokodilis kiel hispanaj krokodiloj!

Dum unu semajno HEJS partoprenis en multaj aferoj kiuj tie okazis. Tiel ili rakontis pri elfoj kaj sorĉistoj en rolluda aventuro, dancis aŭ intencis danci en salsokurso gvidata de dana Kim Henriksen, saŭnis, aĉetis librojn, kaj dancis, saltis, kriis, ktp en la diskejo.

HEJS opiniis, ke KEF estis tre bone organizata, sed ankaŭ pensis, ke komparita kun junularaj renkontiĝoj la etoso iomete pli seriozis. HEJS devas proklami al la mondo, ke manĝaĵo estis nek bongusta, nek abunda, kaj ĉiutage gustis same. Alkoholo estis ankaŭ malmulta kaj multekosta; HEJS ĉikaze solvis la problemon kun subgrunda inĝeniaĵo: per vino (Ŝŝŝŝ...! tio estis malpermesita), kaj Pepsi-Max (la plej malmultekosta), HEJS enkondukis kalimoĉon en Finlandon kaj Esperantujon.



**La Estraro de HEF esprimas al la membraro sinceran bondeziron por la nova jaro 2001. Feliĉon kaj sukceson en via eperanto-agado**



Junuloj lernas en la Centra Oficejo.

Nun Dolcxamar' kaj iuj rusinoj amas la hispanan trinkaĵon!

La partopreno de HEJS en KEF pliboniĝis dum la lasta diskeja nokto, kiam ĉiuj HEJS-anoj dancegis kaj saltegis kun la muziko de "Héroes del Silencio", kio levis al la nuboj la vizaĝon de Hispanujo ;-).

*Wyan I, la Mirinda. (Ruben Garcia)*

# Kio pri la simboloj?

Jen ĉi sekve artikolo rilate al la uzado de unu el niaj simboloj: la Esperanta flago. Mi devas averti ke la artikolo de amiko Luis Serrano devintus aperi en la antaŭa numero de Boletín sed, lia letero perdiĝis inter amaso da dokumentoj, kaj mi, tute simple, ne konsciis pri ĝia ekzisto ĝis mi decidis "iom ordigi" mian laborĉambron. Nu, kvankam siatempe mi jam senkulpigis min antaŭ samideano Luis Serrano, mi volas fari tion ankaŭ publike.

Cetere, intertempe, la Estraro de HEF jam pritraktis la aferon en sia lasta kunsido el kiu mi eltiras jenan decidon: "Pluraj samideanoj prave manifestis sian plendon pro la manko de flago aŭ ia esperanta simbolo en nia lasta kongreso. La estraro difinos la ĝustan uzon de simboloj en la kongresoj de HEF; tio aperu klare prezentita en la preparata regularo pri kongresoj.

*Miguel Gutiérrez, Redaktisto de Boletín*

## Pri la flagomanko en la 59a Hispana E-Kongreso

Mi havas antaŭ mi la organon de UEA "Esperanto" sur kies fronta paĝo mi legas jenon: *Berlino: sub flago tutmonda*, kaj en la bildo estas videbla granda Esperanta flago (Esperanto n-ro 1117, septembro 1999).

Ankaŭ mi havas "Heroldon de Esperanto", kaj sur la unua paĝo, per grandaj literoj, oni informas: *40 flagoj kaj 20 landoj* (Heroldo de Esperanto n-ro 7, 1986, 76a jarkolekto).

Eble, mi devas unue diri, ke la ordo-numero de la Kongreso ne estis anoncita, almenaŭ en la Kongresa libro (almenaŭ mi tiun ciferon ne vidis).

Ne estis flago en la kongreso kaj ĝin anstataŭis pligrandigita bildo de koverto, kiu aludas al "Libroteko de Tokio" vidu Boletín n-ro 346 majo/junio 2000.

Kial oni rompis la tradician kutimon starigi flagon? Certe mi ne povas konkrete respondi. Ĉe la diversaj protestoj, nia HEF-Prezidanto aludis al la fakto ke ne plu estas uzataj flagoj en la multaj kaj diversaj organizaĵoj, ke tio malnoviĝis, kadukis. Terura misprezento de la realo. Ĝuste tiutage estis la Unua de Majo, kaj la stratoj de multaj hispanaj urboj, kaj de la tuta mondo, estis inunditaj de "laboristaj flagoj". En la sporto, ĉiu organizaĵo havas sian flagon, pli aŭ malpli granda kaj en plej diversaj formatoj. Eĉ la televidaj




## Aperta movado

La simboloj celas unuigi la grupon kaj distingi ĝin disde la aliaj. Tio estas do duobla funkcio: unuiga kaj disiga. Ĉe la E-movado, la unua estas pozitiva, sed la dua povas roli negative en la disvastigo de la lingvo. Tial do ni devus konduti fidele al nia grupo sed kun diskreta sintenо rilate al la ne e-mondo. Trovi la ekvilibron, jen la defio.

*Miguel Gutiérrez*



kanaloj havas siajn distingilojn. Ĉiu entrepreno iom granda havas sian flageton, per kiu la respektivaj firmaoj sin anoncas. Kion diri pri la politikaj partioj okaze de mitingoj? Kaj kio okazas kiam iu futbalteamo venkas, la flaga frenezeco invadas ĉiujn angulojn de la urbo kaj la cerbon de la simpatiantoj. Evidente mi povus meti aliajn ekzemplojn, sed mi pensas, ke tiuj menciitaj jam sufiĉas.

Kiu estis la celo de la organizantoj de la 59a Hispana Kongreso de Esperanto? Ĉu modernismo, propra snobismo, renovigo, rompo de la tradicio? Mi ne scias. Ĉiu movado havas sian simbolon, sian identigilon. Se fremda homo estus eniranta en tiun salonon, nepre li dubus demandi: kio okazas ĉi tie? Kiuj estas vi? Ĉar fakte la evento estis neniuloke anoncata.

Antaŭ kelkaj jaroj estis alia atenco kontraŭ la verdan stelon. Nun en Madrido oni komencis atencon kontraŭ la Esperantan flagon. Kio venos poste? Ĉu ni demetos la nomon Zamenhof, ĉar lia familia nomo havas strangan sonon al la oreloj de iuj homoj? Ĉu ni forigos la nomon Esperanto, ĉar Internacia Lingvo jam sufiĉas? Nu, karaj amikoj, kiam oni traĉas la radikojn de arbo, frue malfrue la arbo mortos.

Mi povas kompreni, ke al iuj ne plaĉas granda pendanta flago. Sed, karaj geamikoj, neniu povas rifuzi simplan flagon pendantan de adekvata stango. Sciu tiuj junuloj, organizintoj de la Kongreso, ke en alia epoko ne ĉiam estis facile meti la Esperantan flagon. Mi jam aŭdis diri "tiu verda stelo, ĉu vi atendas ke ĝi ruĝiĝu?" Kaj, karaj samideanoj, mi ne estas preta rezigni mian Esperantan distingilon.

*Luis Serrano Pérez*

## Boletín estas ankaŭ debatejo

En la 76a numero de Heleco, organo de Astura E-Asocio, s-ano Faustino Castaño forte plendas pro diversaj aferoj rilantantaj al la lasta Hispana E-Kongreso. Unu el ili estas la manko de flago kaj himno. Mi, kiel redaktoro de Boletín, proponis al s-ano Faustino la paĝojn de la bulteno por prezenti siajn plendojn, tamen lia artikolo ne alvenis.

Kun granda peno mi klopodis ĉerpi liajn opiniojn el la artikolo aperinta en Heleco, sed ĝi estas tiel densa kaj kompleksa, ke la prudento konsilis al mi rezigni la taskon. Ja mi povus forgesi la mencion de ajna vorto aŭ frazo aparte grava por homo, kiun mi rigardas amiko, kaj tio povus kaŭzi nedeziratan miskomprenon.

Do, Faustino, se vi volas ion diri... vi plene rajtas uzi ĉi paĝojn.

*Miguel Gutiérrez (Redaktisto de Boletín)*

# Ĉu hispana kongreso en Verono?

Laŭ decido de la Landaj Asocioj (LA) kun voĉdonrajto en E.E.U. (Eŭropa Esperanto Unio), kunsidintaj en Ostende en aprilo 2000 (*), la venonta eŭropa kongreso okazos en la itala urbo Verona fine de aŭgusto de 2002. Ankaŭ la partoprenintaj LA-oj kunsentis peti al siaj estraroj apogon al la organizado laŭ jenaj du vojoj:

1) Iĝi "oficiala apoganto", kio devigas vaste informi pri la kongreso pere de la asociaj organoj kaj peri la aniĝon de homoj. Kompense la asocio ricevus 10% el la enspezo pro aniĝo de la propraj membroj, ne grave ĉu la aniĝo peras la asocio mem aŭ la itala LKK. Ĉi rilate en la lasta Estrarkunsido de HRF (2000 10 22) ĉi tiu apogo estis aprobita.

2) Rezigni pri la propra landa kongreso kaj organizi sian ordinaran jarkunsidon kadre de tiu Eŭropa Kongreso. Tio celas multnombran partoprenon kaj vere eŭropan etoson en la jaro kiam ni jam pagos ĉion per tuŝeblaj "eŭroj". La loka organizo disponigos senpagajn salonojn kaj ĉiajn helpojn por realigi la asociajn kunvenojn.

La estraro de HEF aprobis submeti la decidon al la Ĝenerala Kunsido okazonta en la venonta landa kongreso en San Javier.

Jen nia ŝanco decidi, HEF-anoj: kion ni faros por la jaro 2002? ĉu kongresi enlande, tiel ŝarĝante la pezon de la organizado, aŭ eksterlande kie aliaj aranĝos ĉion por ni senpage, eĉ enspeze? Pripensu do la aferon por atingi plendemokratian decidon en San Javier. Verono ne foras...

Manuel Pancorbo

---

# Helpu ĝin, helpu vin!

Grezijonon estas belega kastelo en Baugé (Francio). Ĉiusomere, multaj homoj renkontiĝas tie, kaj okazas en ĝi esperantaj kursoj, prelegoj, diversaj distraĵoj, ekskursoj, ktp. por pasigi unu aŭ kelkajn semajnojn en esperantista etoso. Oni povas loĝi en dormĉambroj ĉe la kastelo aŭ en tendaro apud ĝi.

Nun, ili havas ekonomikajn problemojn. Por solvi tiun ĉi situacion ekzistas la projekto "50-jara Jubilea Libro pri la Esperantista Kulturdomo Grésillon". Kelkaj kunlaborantoj rakontis la historion de Grezijono laŭ siaj memoraĵoj. La libro aperros en 2002 kaj la prezo estos 330 FF + sendkostoj. Helpu per antaŭmendo aŭ libervola kontribuo al la konto ĉe UEA: "jugr.g".

Grezijono estas de ĉiuj la esperantistoj ne nur de la francaj. Helpu la kulturdomon kaj vi helpos esperantujon.

*Iván Manso*



# Ĉirkaŭ



# la mondo

## Pollando rekonis Esperanton

La 24an de aŭgusto 2000 en la oficiala pola leĝ-ĵurnalo aperis dekreto de la Ministro pri Nacia Edukado, laŭ kies alineo 4a findiplomoj de là Internacia Studumo pri Turismo kaj Kulturo de “Monda Turismo” en Bydgoszcz fariĝas en Pollando oficialaj dokumentoj, laŭ kiuj turismaj ĉiĉeronoj kaj vojaĝgvidantoj rajtas labori en la lingvo Esperanto.

La dekreto estas la unua tiom altranga ŝtata leĝo koncernanta Esperanton depost la ŝanĝo de la politika sistemo en Pollando antaŭ dek jaroj, kaj danke al ĝi jam nun videblas pli da intereso lerni Esperanton, studi turismon kaj kulturon ĉe ISTK.

*A. Grzebowski* [ret-info].

## Koncize dirite

* Nun eblas aŭskulti la E-porgramojn de Radio Austria Internacia danke al jubilea K-disko (15 eŭroj) aŭ kasedo (11 eŭroj). Pagu cxe UEA (konto: WIEN-S) kaj mendu ĉe: Radio Austria Internacia; Esperanto Redakcio; Argentinierstr. 30a, A-1040 Wien; Aŭstrio.

Radio Aŭstria Internacia elsendos dum la vintra periodo 2000—2001 nur 2 Esperantlingvaj programoj en vendredaj kaj dimanĉaj vesperoj, je 21.30 UTC en la frekvencoj 6155 kHz, 5945 kHz por Europo kaj en 13730 kHz por Nordafriko.

Nek la satelita, nek la reta programaliro estos limigota.

*Katalin Fetes-Toszegi*

* William Auld ricevis de FAME-fondaĵo la 7an E-Kulturpremion de Aalen. Bedaŭrinde nia granda verkisto, pasintjara kandidato por la literatura Nobel-premio, ne povis persone preni la premion (10.000 germanaj markoj).

La laŭdacion faris d-ro Werner Bormann, prezidanto de la FAME-fondaĵo, antaŭa prezidanto de la Akademio de Esperanto.

*Karl Heinz* (ret-info)

* Dum la jhus pasinta Europa Esperanto-Kongreso en Oostende la urbon ornamis cento da Esperanto-flagoj kun la jubilea simbolo. La produktinto, la firmao Witdoeckt, malaltigis nun la prezon de la flagoj (100 x 150 cm) al 40 euroj plus afranko. La flago haveblas ĉe FEL (retbutiko@fel.esperanto.be).

* En Oktobro, la Filharmonia Orkestro de Olomouc (Ĉekio) ludis la unuan prezenton iam ajn de simfonio por orkestro kun tekstoj en esperanto, de usona komponisto David Gaines. En 2001 aperos registrado de la simfonio por kompaktdiska eldono.

La programo "Cita con Pilar" de la nacia radio (RNE), vendrede en la nokto, prezentis Esperanton pere de nia vicsekretario, Marcos Cruz. Jen liaj sukaj impresoj pri la programo.

# Esperanto en "Radio Nacional"

Ŝi apud mi komputilumis la tutan horon ĉe la retbabilejo, tajpante sensencaĵojn, samtempe legadis foliojn printitajn pri esperanto, kontrolis la retpoŝton... pugdancis sur la seĝo kaj foje karesis mian ŝultron, bele tre bele tre bele.

Ŝi tuj senpere komencis diri stultaĵojn, kiaj "utopia lingvo naskiĝinta antaŭ cent iom jaroj, en 1959 (!), ĉar la naskiĝo de Doktoro Zamenhof estis ankaŭ la naskiĝo de esperanto..." Ufffff...

Mi iom nervoziĝis, sed fulme decidis preterlasi kaj ne atenti, vere, ol enmiksiĝi en malfacilajn klarigojn jam de la komenco, kio pli rimarkigus la aferon. Tamen ĉar ŝi plurfoje parolis pri utopio, mi tion ja korektis afable kaj simpatie.

La etoso dum la programo estis tre agrabla kaj plaĉa, sed por la unuaj momentoj mi simple miris... "pri kio diable temas ĉio ĉi?" Mi esperis iel normalan intervjuon... Mi portis pretajn ekzemplojn pri la facileco de esperanto, argumentarojn, eĉ poemojn, komentojn pri la muziko... ĉar mi atendis tipajn demandojn. Nenio utilis, ĉar la tuta afero konsistis el senbride legado de la retmesaĝoj el la ekrano kaj aŭskultado de opinioj de la telefonintoj.

Mi supozis, ke mi mem povos elekti la muzikon, sed ne estis tiel. Mi donis la ordigitan liston de kantoj al la koncerna responsulino, kaj petis komenci per "Liza..." de Persone kaj fini per "Lasu min songi". Ne eblis pli; ili agas tiel: Pilar petas ajnan muzikon, kaj la alia homo ekigas ion ajn. Tial mi devis dekomence rezigni, kaj petis de la muzikresponsulino elekti mem laŭplaĉe, kion fari. Bedaŭrinde, ĉe la fino pro tempopremo oni ne povis meti la k-diskon de Persone, kaj aŭdiĝis Akordo, kio ne tro taŭgis por tio... Tro solena kaj enua.

La junulino kiu zorgis pri la muziko poste klarigis pri la eraro ne meti Persone por la fino. Ŝi kun plenridetaj okuloj plurfoje diris, ke la muziko estis belega. Ŝajne ili aŭskultadis pecojn por elekti, dum mi klopodis elbrediĝi el la influo de la gaja program-gvidantino.

Ne aŭdiĝis Solo, nek Trash Bug... Pilar simple fajfis pri la deveno de la muziko, nenion demandis, kaj mi ne sukcesis trovi momenton estigi la aferon.

Mi tre bedaŭris, ke ne estis okazo paroli pri la muziko mem. Pilar tute ne pretigis la aferon kun Flo, malgraŭ miaj detalaj retmesaĝoj kaj fakso. Ŝi ne sciis, pri kio ĝuste temas. Mi supozis, ke je certa momento, kiel mi sugestis, ni enkondukus la temon muziko kaj parolus kun Flo, sed mi surpriziĝis, kiam ŝi subite anoncis, ke Flo "telefonis" de Francio. Mi post la salutoj (ŝi parolas la francan, diable, tion mi ne povis imagi!) klopodis enkonduki, kaj menciis, ke ŝi povas demandi de li ion ajn pri muziko, sed ŝi demandis bagatelojn kaj ne lasis pluan tempon. Ĉiel ajn la afero

restis tre simpatia, ĉu ne?. (Dankegon, Flo!)

Mi memoras la mirajn esprimojn de la homoj trans la vitro, kiam ili ekaŭdis efektive konversacion en esperanto! Guauuu, mi fieris!

El la konversacioj kun la telefonintoj mi notadis direndojn por poste klarigi afable la neĝustaĵojn aŭ profiti por paroli pri novaj temoj, kaj mi preskaŭ ĉiam sukcesis, malgraŭ la pugdanco kaj tajpado de la apudulino... Eraro mia estis ne enmiksiĝi en la paroladojn de la homoj kaj lasi ilin tro longe rediradi la samajn aferojn. Sed mi ne estis certa, ĝis kia nivelo tio estis vera libera konversacio aŭ mi devis atendi vicon. Ontan fojon mi sendube elegante interrompos kaj gvidetos mem la aferon por profiti la tempon kaj enkonduki niajn direndojn.

*Mi ĝojis legi retmesaĝon de Christian* el Salamanko [Jos=E9 Luis, resendu al li ĉi tiun mesaĝon, mi ne havas lian adreson], inter aliaj konatoj, kvankam mi evidente nenion diris. La mesaĝon de Augusto Casquero mi vidis por momento, sed ne estis eblo legi ĝin. Ĉe la fino, la direktorino de la programo frapis min ("Vidu, vidu!") kaj montris, ke subite venas pliaj 39 retmesaĝoj!!! Ŝi diris, ke ĉiuj estos resenditaj al la asocio...

Karaj amikoj, malgraŭ ĉio, la fina rezulto al mi estas ege ege pozitiva:

-Ĉiuj tie miris, pri la nekredebla nombro de telefonvokoj kaj

retmesaĝoj, sincere.

-La etoso estis tre agrabla, simpatia kaj favora.

-La telefonvokoj estis plej ofte favoraj kaj interesaj.

-Pilar Socorro petis de ni rekontakti, por nepra nova programo pri esperanto post 6 monatoj, kaj dume ni sendu informojn pri io ajn interesa, ŝi petis.

-La konversacio kun Flo, malgraŭ la mallongeco kaj la manko de enhavo pri muziko mem, estis tre impresa por la publiko.

-Eble por la unua fojo, post dekoj da radiointervjuoj, mi ĉe la fino

sentis min tre trankvila, ĉar mi intime spertis ke la afero tre interesis kaj plaĉis al la ĵurnalistoj ĉirkaŭ mi, kaj tiu bona etoso kontaĝis la publikon.

*Marcos Cruz*



# Strečita, anhela, spir-kapta

Gonçalo Neves: *Simptomoj.* (Originala poemaro senprefaca). Antverpeno: Flanda Esperanto-Ligo 1999, 72p. (Serio "Stafeto". 25.)

1. *La aŭroro*

La komencon de la dua jar-cento de Esperanto markas serio da novigaj antaŭensvingoj por nia beletro: la Literatura Manifesto 87 de la Iltisa Skolo, la diskoniĝo de la sam-linia ibera skolo kaj la iom-post-ioma akceptiĝo de la Piĉaj novismoj kaj konceptoj. Al la ibera skolo apartenas Gonçalo Neves, apoganto de la dirita Manifesto kaj unu el la plej bonaj komprenantoj de Karolo Piĉ, kiel atestas i.a. eĉ la recenzata volumo. Li kunverkis du kolektivajn volumojn de la iberianoj: la poem-antologion *Ibere libere* (1993) kaj la prozo-kolekton *Ekstremoj* (1997). Kiel liaj kolegoj, li elpasis eĉ propra-volume per la rakontoj *Kompreni* (1993). Ĉi foje li aperas senkompane per propra verko lirika. Efektive, lia aŭtenta voĉo ne bezonas kunĥoranojn nek prefacojn aŭ ali-tipajn garnojn.

Kontraŭe al britaj aŭtoroj de la kvindekaj jaroj (Auld, Boulton, Rossetti), lia rikolto pli magras. Ĉi kalori-manko montriĝas eĉ salubra por la leganto. Neves donas novan domension al la t.n. esperantisma poezio kaj levas la esperantisman filozofion al nova ŝtupo ĝise ne vortumita en komparebla maniero.

Recenzo

2. *La temoj*

La ĉi-voluma poezio de Neves pivotos tri temojn: amo, lingvo, poetiko. Eble ĉi-rilate la ŝlosila poemo por la tuta libro estas "Nova arto poezia" (p. 46-48) kie legeblas en kondensa formo la kvintesenco de la Neves liriko. La du negativaj imperativoj (Rimojn ne serĉu, ritmojn ne deziru) konsekvence realiĝas tra ĉiuj 37 tekstoj de la volumo. Ankaŭ la strofoj ne sekvas la tradiciajn parnasismon. Iel ĉi tradicio por Neves estas speco de fatraso-kesto, polva arsenalo pratempe trovebla en *intologioj* kaj *krustomatioj* (p. 46). Eĉ pli draste li diras:

transdonu vian harpon al la Viena muzeo.

Por Neves io alia nepras:
Parolu klare, kaj oni vin legos klare.
Pensu glate, kaj oni sentos vin glate.

Ali-flanke frapas lia "Pledo por adasismo", kvazaŭ postmorte li volus linĉi la Kaloĉajan prozodion:

Tion prediku kaj montru la ridindecon
de strebado al rimado en nia Esperanto tiel katenita,
kaj de samstreba anatemado de adasismoj,
dignaj reĝoj de la rimo, kiu mem estas maldigna. (p. 49)

La pratemo poezia ne povas manki ĉe Neves: pluraj tekstoj liaj klasifikiĝas am-poezio. La temo de "Inico" (el *Kompreni*) retroveblas en la ĉi-voluma "Datreveno":

Mi memoras bone:
Kiam vi / ... /
elsorĉis min cis limojn knabajn,
tra puberoj kaj konkeroj ...
.....
kaj fine homis mi ĉi-rite,
prognoze semon nunan,
pluon nian,
ĉe ekvibro viaventra,
por espero aŭ despero.

La alparolata "vi" estas tiu de la jaro 1992 kaj poste vanuas. Sam-jaras la poemo "Sara": alia vi paŝis scenejen kaj tuj projekciiĝas sur futur-ekrano, ĉar

Vi konstruos vin bela,
vi burĝonos,
vi konturos,
vi sinuos.

iel, por Neves la filino estas eĉ la enkarniĝo de la lingvo. En sia engaĝita poemo "La blufo de Raŭmo" (*Fonto* 19.1999: 218, p. 33-34; *Eventoj* 1998: 156, p. 8), bedaŭrinde ellasita ĉi-volume, li diras:

kaj
ni angore lern-azilon
por la idoj raraj kiujn ni
elteneme konstruadis
niakrede delulile
sed ni trovos nur vakuon
kie sonos eĉ rivaloj.

Tio voj-montras al la tria tem-ciklo: la lingvo kaj ties nestado en la mond-percepto de Neves. Ankaŭ Neves estas ĝisosta esperantisto, sed tute ekster la tradicio kiun inaŭguris Sharpe. Male, Neves estas perfekta ano de la Ordeno de Verkistoj, kion la olda Piĉ ankoraŭ sciis kaj konsciis. En sia prefaco al *Kompreni* (1993) li parolas pri la unikeco de Neves kaj karakterizas lian prozon "streĉita", anhela, spirkapta kaj sultra". Mutatis mutandis tio validas eĉ por la poezio de Neves. La Ordenoj faras ĉiam ion duoblan: ili vartas la literaturon kaj kultas la lingvon, ili di-servas kaj praktikas la ardan amon transĉemizan. Fiziko kaj metafiziko simbiozas kaj koincidas. Neves parolas pri la tri fundamentoj de nia lingvo: La organika Zamenhofa, la kiberneta Piĉa kaj la spirita:

La Patron oni volas ke oni volu,
la Filon oni volas ne voli.
La Sanktan Spiriton oni volas voli.

La tripiedecon de la lingvo li plu bildigas jene: La statiko Zamenhofa, la dinamiko Piĉa (la "dua piedo" "ŝatas esti rado") kaj la vaporeco de la tria.

La poemo "Amoroj" (p. 53-57), la plej longa ĉi-volume, montras al ni ĉi simbiozon plej frape, klare kaj konvinke: la "ŝi" estas la lingvo mem:

Ŝi scias, ke la Espero bezonas ĉiutagan akvumadon
kaj senlacan fekundigon kaj prisemadon.
(p. 58)

3. *Lingvaj rimedoj*

La Piĉan stil-karakterizon de Neves ni trovas konfirmita. Kurto kaj koncizo, tiel

tipa por la stilo de Vatré, reaperas ĉi tie, kvamkam alitembre. Ĉu ekzistas io pli mir-frapa ol ĉi epigrameca uverturo:

Li alvenas kiam tajdas
lia Anna en kunkroĉo
sesdeknaŭa kun Alica

en "tri ne estas tro" tiel plaĉe kontrasta al alies aserto "Tri 'stas tro". En ĉi poemo nenio tristas, sed ĉio insistas, persistas kaj enpiŝtas.

La sintakso koncizo de Neves, kie oni vane serĉas la subpropoziciojn, ripetiĝas sur la ebeno leksike. En lia klopstockeska "Tempesto" ĉio impetas kaj la vortoj plene desbalastis sin:

Kraŝas ŝveloj ŝprucaj duŝe draŝaj.
Ronkas ruloj raŭkaj rompe raspaj.
Sparkas stokoj spotaj svinge stumpaj.

En ĉi odo aliteracio preskaŭ ĉio reduktiĝas al la nudaj radikoj. Ŝpara uzo de kunmetoj karakterizas eĉ multajn aliajn tekstojn. Kiam Neves uzas du-radikajn kunmetojn, oni povas distingi du kategoriojn: ĉiu-tagaĵoj kiuj impresas kvazŭ vort-blokoj kaj freŝ-inspiraj atento-vekaj novismoj, por ekzemplo: aglo-reĝino (43), aĝdiso (31), balzam-aspergaj (43), buŝtango (36), buterflanken (37), cerbanguloj (25), erp-imune (42), kluzo-spita (33), koboldlandaj (39), konsolmanoj (43), kor-nektaro (38), lingvoĉaro (67), maĉklopodo (32), maŝinnestoj (37), mens-abeloj (38), modframoj (32), pavezporde (38), rutin-anguloj (63), samtiktake (40), sent-akridoj (40), split-avidaj (34), tuŝrevoj (34), varmoskrapo (40), vervo-ĉeloj (40) ...

Sed Neves originalas ankaŭ en derivoj kaj kunmetoj el la kategorio Pr + R (prepozicio plus radiko). Jen kelkaj ekzemploj:

1) ekpafoj (13), fiinsektoj (15), praspecia (15), ekvibro (15), misapreca (21), misaŭguro (23), misdirekta (25), dispaŝa (25), drameroj (25), vivindo (26), prafato (27), misnaviga (27), pranaskoj (28), farendoj (29), palpindoj (29), tombeco (32), . ktp.

2) distordi (31), dumfunebra (33), eldeĉifri (10), elsorĉi (15), enŝalti (36), fordevanci (29), forsputi (37), kunlernejo (30), kunpalpe (25), tralinki (9), trasensi (28), transbigote (15), transkolora (29), transvitre (28) ktp.

"La celo estas aldoni, ne forpreni:" Kaj Neves multon aldonas (li mastras la leksikon transpivan, nenio impresas grefta), sed lasas eĉ la kutime balast-efikajn mal-vortojn, kun ofte surpriza efekto: malagnoski (54), malakurato (69), malbono (16), maldigna (47), malegalaj (60), malgajnas (47), malgrandgute (38), maljuna (56), malklasika (10), malkontenta (43), malkovriĝo (63), malmavo (16), malplenaj (37), malpreferoj (58), malsanoj, malvarma (58).

Alia stil-karakterizo estas la intensa uzo de senpera verbigo, por ekzemplo: nepras

(9), sparkas (11), insulas (11), indas (12), petardas (13), ĝemelas (14), kerubis (15), homis (15), metropoli (22), orakolas (23), kuglas (23), langas (36).

4. *La fizika libro*

Bedaŭrinde la fizika libro iom misimpresas: marĝenoj de malsamaj larĝoj agacas la okulojn, precipe ĉe la titol-paĝo, tipografio iom senpretenda, agrafo faŭk-aperta. La dors-kovrila foto aŭtora povintus plaĉi pli: sed la vizaĝ-esprimon klarigas apuda informo: Neves devas lingve revizii Monato por surtere purgatorii siajn pekojn.

Ĝenas aro da pres-eraroj: 23/-1: konvikitaj = konvi*kt*itaj; 45: la jar-indiko 1998 sidas meze en la teksto; 71/-2 arta = arto; 71/3 Nia = Niaj.

En la enhavo-tabelo elfalis la poemo "Tri estas tro" p. 36. Eldonisto kiu uzurpas la serion Stafeto de nia kanaria libro-majstro Régulo devus eviti ĉi hastan supraĵemon.

*Reinhard Haupenthal*

---

**Akademio de Esperanto**

# Alvoko

Per ĉi tiu anonco la estraro de la Akademio de Esperanto alvokas al prezento de kandidatoj por la venontaj elektoj de triono de la membraro.

Ĉi-jare estos elekteblaj 17 membroj.

1. Por fariĝi kandidato, esperantisto devas esti proponata de almenaŭ kvin akademianoj, kiuj reprezentu almenaŭ tri malsamajn naciajn lingvojn.

2. La kandidato devas sendi al la Prezidanto de la Akademio, prefere per retpoŜto, viv-protokolon, en kiu aperu personaj informoj (kompleta nomo, dato de naskiĝo, adresoj ordinara kaj reta, telefonnumeroj), instrurilataj (scienca kaj faka instruo ricevita, profesia kariero, scio de naciaj lingvoj) kaj priesperantaj (Esperanto-agado kaj tute aparte pri

publikigaĵĵoj en kaj pri Esperanto). Krome, la kandidato deklaru sian akcepton de la kandidateco, sian fidelecon al la Fundamento de Esperanto kaj sian pretecon por la laboroj de la Akademio.

La membroj de la Akademio estas elektataj de la Akademio mem per absoluta plimulto de la voĉdonantoj. En okazo de nombro-egaleco de voĉoj la Prezidanto havas decidan voĉon.

Ĉi tiuj reguloj ne aplikiĝas al akademianoj, kiuj finas nun sian period=

on de aktiveco. Ili estas automate rekandidatigataj se ili ne rifuzas tion. La proponoj kaj ĉiuj necesaj informoj kaj deklaroj devas atingi la prezidanton aŭ la sekretarion de la Akademio plej laste la 30an de novembro 2000a.

Geraldo Mattos, Prezidanto

# Literofteco

La aper-ofteco de la literoj en Esperanto laŭ studo farita de Otto Haszpra (Hungario), profesoro de la Budapeŝta Teknika Universitato, kiu ekzamenis tekstojn kun entute 496.196 literoj. La relativa ofteco de Esperanto-literoj estas:

a = 12.6 %
e = 9.0 %
i = 9.0 %
o = 9.0 %
n = 7.8 %
l = 6.2 %
r , s = 5.9 %
t = 5.5 %
k = 4.2 %
u = 3.4 %
d , m = 3.05%
p = 2.8 %
j = 2.7 %
v = 1.9 %
g = 1.3 %
h = 1.2 %
f = 1.1 %
c = 0.8 %
ĉ , ĝ = 0.7 %
z , h , ŭ = 0.5 %
ŝ = 0.2 %
ĵ = 0.1 %.

*Per ret-info*

*Jen ĉerpaĵo el unu el la multaj lastatenpaj debatoj de la Akademio de Esperanto.*

# Ĉomolungmo

La nomon "Everest(o)" la montego ricevis en 1865 (!) el tiu de George Everest (1790-1866), angla geografo kaj brita ĉeftopografo en B(h)arato (1830-1843). Antaue britoj nomis la monton *Peak XV*, t. e. Pinto 15.

Kolego Yamasaki diras: "la japana gazetaro delonge ne uzas la nomon 'Everest' sed la japanlinvan transliterumon de la tibeta *Ĉomolungma.*

Kolego Pokrovskij informas, ke "en la rusaj lernejoj estis instruate pri "Ĝomolungmo", arkaike "Everesto". La vortaro de Bokarev tamen tradukas 'Everesto -> Ĉomolungma'. Tamen miaj kolegoj en la oficejo uzas la formon kun la voĉa "ĝ", samkiel mi."

Kolego Lindstedt aldonas: "mia iama lernolibro de la pola diris, ke la plej alta monto en la mondo nomiĝas "Czomolungma" — do devus esti "Ĉomolungmo" (?) en Esperanto.

La samaj hejma enciklopedio kaj TTT-konsultejoj el kiuj mi ĉerpis la ĉi-suprajn informojn diras, ke la sanskrita nomo de la montego, "Sagarmatha", signifas "Oceana Patrino", kaj ke ĝia —plej komuna tibeta nomo—, "Ĉomolungma", signifas "Diino Patrino de la Mondo" (bele, ĉu ne?). Tieaj popoloj evidente kultas ĝin de longege, ne nur de 1865!

Resume, manke de precizaj scioj pri transskribado el la tibeta(j), sed surbaze de la transskriboj en la angla, japana, pola kaj rusa, ankaŭ en esperanto indas nomi la montegon "Ĉomolungmo".

*Jorge Camacho*



# Lingva angulo

## LINGVA ANGULO 13

### de Antonio Valén

### FALSAJ AMIKOJ

Hodiaŭ ni parolu pri kelkaj falsaj amikoj. Ĉiuj difinoj kaj multaj ekzemploj fontas el *Plena Ilustrita Vortaro* (PIV).

**agiti** signifas jenon laŭ PIV: 1. varbi por politika, sociala, religia kaj simila celo incitante la sentojn: ***agiti la popol-amason kontraŭ la reĝo***, *agitar a las masas contra el rey.* 2. naski en animo sinsekvajn sentojn, kiuj ĝin malkvietigas: ***agitita dormo***, *sueño agitado*. 3. (kemia signifo) skui likvaĵon ne movante la ujon: ***agiti likvaĵon per kulero***, *agitar un líquido con una cuchara.*

Ni vidas, ke la ĉefan signifon de *agitar* ("*mover con frecuencia y violentamente una cosa*") ne redonas **agiti**, sed **skui** aŭ **svingi**: ***skuu la botelon, poste malfermu ĝin***, *agite la botella antes de abrirla*; ***svingi poŝtukon***, *agitar un pañuelo*; ***svingi la brakojn***, *agitar los brazos.*

**asembleo** signifas "interkonsiliĝa aŭ leĝo-faranta organizaĵo, kontraste al la ekzekutiva responda instanco: ***la Asembleo de Unesko***, *la Asamblea de la Unesco*". Ne ĉiu hispana *asamblea* estas **asembleo**; por traduki do "*reunión numerosa de personas convocadas para algún fin*" ni uzu **kunsido**, **kunveno**: *la asamblea anual*, ***la ĉiujara kunsido***. La armean signifon "*toque para que la tropa se reœna y forme*" oni tradukas per **apelo**.

**for** estas adverbo kaj signifas "staton de malproksimo" (= ***malproksime***) aŭ "movon al malproksimo" (= ***malproksimen***), t. e. *lejos* kaj *a lo lejos*: ***vivi for de la gepatroj***, *vivir lejos de sus padres*; ***for el la urbo!***, *¡(vete) lejos de la ciudad!*. De tiu dua signifo venas la metafora senco de formeto, malembaraso, neniigo: ***for la reĝo(n)!***, *¡abajo el rey!*; ***for de l' okuloj, for de la koro***, *lejos de los ojos, lejos del corazón* (*ojos que no ven, corazón que no siente*); ***for la manoj(n)!***, *¡las manos fuera!*.

Por traduki la hispanan *fuera*, ni uzu **ekster**, **ekstere**: ***ili estas ekster danĝero***, *están fuera de peligro*; ***barakti kiel fiŝo ekster la akvo***, *retorcerse como pez fuera del agua*; ***ni estas ekstere***, *estamos fuera* (***ni iru eksteren***, *vayamos afuera*).

Jen samfamiliaj vortoj: ***fora*** = *lejano*: ***Japanujo estas fora lando***, *el Japón es un país lejano*; ***fore*** = *a lo lejos, en la lejanía*; ***ekstera*** = *exterior*; ***eksterleĝe***, *fuera de la ley*; ***eksterdome***, *fuera de la casa.*

**konferenco** signifas "renkontiĝo de kompetentuloj, kiuj interkonsiliĝas pri kelkaj difinitaj gravaj aferoj; ĝi estas ofte diplomatia, jura, scienca ktp": ***konferenco por paco kaj malarmado***, *conferencia para la paz y el desarme.* Por traduki la aliajn sencojn de la hispana *conferencia*, ni diru **prelego** kaj **komuniko**: ***fari prelegon pri art-historio***, *dar una conferencia sobre historia del arte*; ***enurba, interurba komuniko***, *conferencia urbana, interurbana.*

# JARABONOJ KAJ KOTIZOJ POR 2001

**Hispana Esperanto-Federacio**
Abonantoj el eksterlando (en eŭroj) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 26
(Por hispanoj vidu sur la 30a paĝo ) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . eŭroj – pesetoj
**Universala Esperanto-Asocio**
Individua Membro kun Gvidlibro (MG). . . . . . . . . . . . . . . . . . 7,21 — 1.200
Individua Membro kun Jarlibro (MJ) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 18,03 — 3.000
Individua Membro plus abono al E-o (MA) . . . . . . . . . . . . . . 44,47 — 7.400
Simpla abono al Esperanto, sen membreco (SA). . . . . . . . . . . 28,25 — 4.700
Simpla abono al Kontakto, sen membreco (Kto). . . . . . . . . . . 16,83 — 2.800
Societo Zamenhof, sen membreco en UEA (SZ). . . . . . . . . . 88,94 — 14.800
✓ Rim: La kategorio (MG) ne rajtigas rabaton en la UK. La kategorioj MJ kaj MA inkluzivas por la junuloj (ĝis 29 j.) membrecon en TEJO kaj ricevon de Kontakto.

**Eventoj** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . (aere: 6.500) 5.600
RET-INFO . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 3.400
✓ [P] HEF.

**KAE-Informilo**. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 1.000
✓ [P] Santiago Torné; Roca 22, 3-er, 1-a; 08208 Sabadell; Caixa 21000461960200045498.

**La Gazeto** (ses numeroj) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 27,05 — 4.500
**Heroldo de Esperanto**. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 25,54 — 4.250
**Literatura Foiro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 25,24 — 4.200
**Internaciisto**. . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 15,03 — 2.500
**La Ondo de Esperanto** (12 numeroj jare). . . . . . . . . . . . . . . . . . 24 – 3.994
La migranto . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 8 — 1.330
✓ [P]: Luis Serrano; C/ Font Nova, 32; 08202 Sabadell; Tel. (93) 7275021; Caja Postal 1302 9234 06 2813 014606.

**Monato** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . (aere, 37 – 6.156) . . . . . . . 32 – 5.324
**La jaro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 5 – 832
**Literatura Foiro** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 4.200
**La Ondo de Esperanto** (12 numeroj jare). . . . . . . . . . . . . . . . . . 24 – 3.994
✓ [P]: Juan Azcuénaga, Gral Dávila, 127, portal 7, 2 I; 39007 Santander. Caja Postal n-ro 3548531

**Kajeroj el la Sudo.** (Trimonata) . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 6 — 1.000
✓ [P]: José M. Bernabeu; Primo de Rivera, 8; 03360 Callosa de Segura (Alicante). Caja Postal 28.09.722.429.

**Rokgazet'** (4 numeroj, en eŭroj). . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 15,09

# UEA

# Elekto de B-komitatanoj

En 2001 okazos elekto de sep komitatanoj B ĉe UEA, por la periodo 2001—2004, kiel reprezentantoj de la individuaj membroj (IM) en la Komitato. Laŭ la Statuto (art. 24) oni elektas unu komitatanon B por ĉiu komencita milo da IM.

La Ĝenerala Regularo (art. 8) preskribas: "Dek individuaj membroj el minimume tri diversaj regnoj rajtas proponi unu solan kandidaton el inter la individuaj membroj. Al la proponoj, subskribitaj de la proponintoj, devas esti aldonitaj, krom la skriba konsento de la kandidato, ankaŭ biografieto kaj deklaro pri la movadaj celoj de la kandidato, kiuj kune ampleksu maksimume 150 vortojn."

Kompletaj proponoj devas atingi la CO de UEA ĝis 01.02.28. Validos nur skribaj dokumentoj kun originalaj subskriboj. Kandidato devas esti individua membro de UEA dum du jaroj antaŭ la elektiĝo, kaj en 2001.





# Uf!

Ĵus aperis "Esperanto Subgrunde Kompil', 70 minuta K-disko Kunproduktita de La Blua Papilio el Sao Paulo (Brazilo) kaj Vinilkosmo. Prezo: 12,96 EUR

Ĝi estas ekstrema produktaĵo tute subgrunda kun prezento de 15 ege brumuzikaj bandoj (anarkipunkaj, hardkoraj kaj traŝaj) vera bombo en esperamtujo! Konvenciaj esperantistoj abonenos ĝin. Plej gravaj kritikoj estos: tio ne estas muziko sed surdiga bruo, la tekstoj tute ne kompreneblas, kio kompreneblas estas maldeca kaj malmorala, ktp — sed ĝuste ĉio ĉi estas la celo de tiu produktaĵo; muziko ekstrema, marĝena, provokema kaj kontraŭa al ĉiaj normoj. Mi aparte rekomendas al "harditaj oreloj" la 29an kanton «Medicino» de Traŝ Bog.

*M. Zocato*

# Aniĝilo por 2001

(Foto)kopiu kaj poŝtu aŭ faksu al la HEF-oficejo. Bv. skribi klare.

**Personaj datenoj :**

Kompleta nomo :.......................... Annumero: ..........
Adreso :....................................................
Poŝtkodo kaj urbo : .................. Tel. : ....................
Naskiĝdato : .................... Retadreso: .....................

**Aniĝo :**

❑ OM ordinara membro...................... 4.326 ESP - 26,00 EŬR
❑ kun junulkarto ........................... 3.893 ESP - 23,40 EŬR
❑ PM patrona membro ..................... 8.652 ESP - 52,00 EŬR
❑ KM kolektiva membro ..................... 8.652 ESP - 52,00 EŬR
❑ EM (nur por jamaj EM-anoj 1995e) .......... 3.494 ESP - 21,00 EŬR

Ĉiu ano ricevas *Boletín*; infanoj ĝis 12 jaroj *Juna Amiko*; junuloj inter 13 kaj 30 jaroj, *Kontakto* kaj *Koncize*. **PM**-anoj ricevas 5-centonan rabaton je mendoj de libroservo kaj je abono al *Eventoj*, *Esperanto* kaj *Kontakto*.

**Pagmaniero :**

❑ Bankordone (nur por aniĝo; plenigu la malsupran formularon).

❑ Enspezo en konton 0182-2552-61-0204011961 de Caja Postal (kunsendu spezilon).

❑ Ĉeko por "Federación Española de Esperanto" (aldonu 3 EUR).

❑ Elspezo en la konton hefb-m de U.E.A. (kunsendu ĝirilkopion).

Subskribo: Dato:

**DOMICILIACIÓN BANCARIA**

Banco o caja:
Dirección:
Código postal y localidad:
C.C.C.: ❑❑❑❑ ❑❑❑❑ ❑❑ ❑❑❑❑❑❑❑❑❑❑
entidad sucursal D.C cuenta

Muy señores míos:

Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que les sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha:

Nombre y firma del titular:




# 60 Hispana Kongreso

## Loĝado

**San Javier**
**Santiago de la Ribera**
**(Manga del mar menor)**

La organizantoj de la kongreso ne faros rezervojn por loĝado. Tamen oni sendos al aliĝintoj, kaj eventualaj pentintoj, liston de hoteloj kun telefonnumero, proksimuma prezo, kaj ĉiuj proponitaj servoj. La hoteloj disponos la liston de kongresanoj, por aplikado de favora tarifo. Nun, por orientado, jen kelkaj nomoj de loĝejoj kun proksimuma prezo (P:):

Hoteloj

Albohera (***) Marin 29, S. Ribera. Tel. 968335914. (P: 7.500 -- 10.000).
Lido (**) Conde Campillo 1, S. Ribera. Tel. 968570 00. (P: 5.000 -- 7.500).
Hotel Madrid (*) Zarandona 18, S. Ribera. Tel. 968570504. (P: sub 5.000).
Pensión Manida (**) Muñoz 11, S Ribera. Tel. 968570011. (P: sub 5.000).
Pensión Nenico (**) Principe 8, S. Javier. Tel. 968572901. (P: sub 5.000).

Apartamentoj

AT Pagán (**) Maestre 4, S. Ribera. Tel. 968570032. (P: 5.000 -- 7.500).

Kampadejoj

Camping La Encina, Ctra. La Ribera--Los Alcázares, tel. 968570133. (P: 2.000 -- 4.000)

Post la 30 de junio, la organizantoj NE garantias loĝadon, tiuepoke ĉar la regiono plenas de turistoj. Faru vian rezervon kiel eble plej frue!

Kongresa Sekretario: Vicente Sanchez Lumbreras; Saturno 15; ES-30730 San Javier (Murcia); Tel: 968192598; 968191243; 968183338; 968190588



Retadreso:
vsal0001@almez.pntic.mec.es




# 60a Hispana Esperanto-Kongreso

San Javier (Murcia),
22a ĝis 30a de junio 2001
Kongresejo:
Centro Cívico de San Javier
Parque Almansa

ALIĜILO N-RO......

(BONVOLU SKRIBI TAJPE AŬ PRESLITERE)

Familiaj nomoj ............................................
Antaŭnomo:.................................................
Naskiĝdato (2) ...................... HEF-numero ...............
Adreso ...................................................
.................................... Poŝtkodo ...............
Urbo .......................... Telefono ......................
Retadreso ...................... Faksilo .......................

(2) Nur por statistiko

| Kongreskotizoj en pesetoj:........ | ĝis la 30a de Aprilo............ | poste |
|---|---|---|
| Kongresano.............................. | 5.000............ | 5.500 |
| Donacon .................................... | | |
| ENTUTE: .................................... | | |

Kotizu pere de BBVA, konto-numero: 0104-0028-86-0300159774; al la 60a Hispana Esperanto-Kongreso; ES-30730 San Javier (Murcia).
Kunsendu la pagpruvilon kaj la aliĝilon al la suba adreso.
**Por bankĉekoj kaj poŝtmandatoj aldonu 10%**
LA KOTIZO ESTAS NE REPAGEBLA.

Dato kaj subskribo ..........................................

Kongresa Sekretario: Vicente Sanchez Lumbreras; Saturno 15; ES-30730 San Javier (Murcia); Tel: 968192598; 968191243; 968183338; 968190588
Retadreso: vsal0001@almez.pntic.mec.es



Miguel Gutiérrez, Goncalo Neves, Jorge Camacho, Miguel Fernandez kaj Antonio Valen, kvin el la membroj de la Ibera Skolo, salutas ĉe la fino de la teatraĵo "Fakistoj", kiun ili prezentis en Helsinko

# Esperanto-vitaminoj

Esperanto devas esti la lingvo de komunumo el toleremaj homoj. Homoj strebantaj al interkompreniĝo kaj paco. Homoj mense sanaj kaj feliĉaj, sen minuskompleksoj. Homoj laborantaj por la interesoj de la homaro. Homoj kiuj sentas sin ofenditaj antaŭ la nura penso damaĝi aliajn homojn. Homoj... homaj!

Rigardu la vizaĝojn de la homoj sur la supra kaj apuda fotoj. Ili disradias feliĉon ĝuste ĉar ili fortigis sian menson kaj sian koron per mirindaj Esperanto-vitaminoj. Jes, niaj internaciaj kulturaj aranĝoj estas sendube la plej trafa vojo al konstruo de nova mondo el liberaj homoj.

Ni konsciu ke ni estas apenaŭ ĉeneroj el longa ĉeno. Ni semu nun por ke iam, en fora estonto "la nepoj nin benu". Kaj por pacience elteni... prenu dozon da buntaj Espeanto-vitaminoj.

M. Zocato Diez.



Grupo de hispanaj junuloj ĉe la bordo de lago dum vizito al saŭno okaze de la finna KEF

Depósito legal Z-334-90. Presejo: Gráficas Aurora